# KATOLIKA MONDO

Ĉefredaktoro : Kaspar MAYR, London, 16, Red Lion Square. Redaktoro : W. Solzbacher, Honnef a. Rh.,Spiesgasse,Germ. Administracio kaj ekspedicio : Kapl. Wachowski Feldstrasse 25, Elberfeld, Germ.

Esperanto-Organo de Internacio Katolika
kun junula aldono « La Juna Batalanto »



7a - Kolekto n° 6 Majo 1926

Kunredaktoroj : P. M. Carolf. O. F. M., Italio prof. P. J. A. Muffang, Francio, pastro J. Makara, Polio. Germana poŝtĉeka konto : Koeln 113.499, Kapl. Wachowski.

## Oficialaj Sciigoj

1. **K. M. provizore denove aperas monate.** Nepra antaŭkondiĉo por dusemajna eliro estis, ke la plej granda parto de niaj legantoj tuj pagu la abonprezon. Bedaŭrinde tion faris ĝis nun nur tre malmultaj. Ni nun ne definitive ĉesigas la dusemajnan eliron, sed esperas, ke ankoraŭ en ĉi tiu jaro venos la antaŭkondiĉoj por ebligi ĝin. Tio dependas tute de la legantoj.

2. **K.M.— konferenco en Elberfeld** stabiligis la financan fundamenton de nia gazeto. Kelkaj amikoj garantias ĉiumonate certan sumon, do la gazeto nepre povos eliri regule. Kiu sekvos ilian imitindan ekzemplon ?

3. **La ekspedicio** nun estas ĉe la administracio por plisimpligi la laboron.

4. **Redakcio** : Wilhelm Solzbacher estas redakcia sekretario por la teknikaj laboroj. Manuskriptojn sendu al li aŭ al ĉefredaktoro Kaspar Mayr en London.

5. **K. M. eliros je la komenco de ĉiu monato.**

6. Diversaj **plibonigoj** de nia gazeto, ekz. **ilustrado**, estas preparataj.

7. La dua numero de la « Juna Batalanto » aperos en la junia numero.

8. La nunjara **IKA-kongreso** estos en **Paray-le-Monial, 9-13 aŭgusto.** Detaloj sekvos en la junia numero.

9. **Kiu ankoraŭ ne pagis ?** La adreson kaj poŝtĉekan konton de nia administracio vi vidas je la kapo de nia gazeto !

**JEN LA LASTA NUMERO,**
**kiun ni liveras al legantoj, nepagintaj por 1926. Anoj ! Cu vi amas vian gazeton ?**
**Do ne hezitu pagi malgrandan sumon por granda afero ! La administracio.**

## Katolika Konferenco de la Internacia Ligo por Repaciĝo

Okazis en la paska semajno (5 ĝis 10 april o) en *Clevaux* (Luksemburgo. Ĉeestis gvidantoj de la katolika paca movado el Anglujo, Aŭstrujo, Belgujo, Francujo, Germanujo, Luksemburgo, Nederlando, kaj Saar-Regiono. Prezidis *Kaspar Mayr*, London. Pli detala raporto pri tiu bone sukcesinta konferenco, kiun ankaŭ multaj kunlaborantoj de IKA kaj MOKA ĉeestis, aperos en la junia numero.



*La internatia katolika konferenco en Clervaux (Luksemburgo).*

De maldekstre destren : ( **Sidantaj** ) : Grace *Brauney*, London ; Wilhelm *Solzbacher*, Honnef ; Julie *Hawkins*, London ; Leo *Fleischer*, Geldern ; Grete *Fischer*, Elberfeld ; Heinz *Kolvenbach*, Düsseldorf ; Maria *May*, Krefeld ; Kaspar *Mayr*, London. **Starantaj** : theol Andreas *Radlinger*, Regensburg ; Kurt *Döbler*, Frankfurt ; D-ro M. J. *Metzger*, Graz ; malantaŭ li theol. *Fortein*, Trier ; Roger *Sillard* Caen ; Prof. H. *Hoffmann*, Breslau ; Karl *Klassen*, Lichtenborn ; malantaŭ li Mathias *Hormes*, Lünebach ; Léon *Jourdain*, Bruxelles ; Emile *Charpentier*, Francujo ; *teologo* el Trier ; Abbé Henri *Denulier*, Cassel (Francujo) ; Hildegard *Seidel*, Breslau ; malantaŭ ŝi *Van Egdon*, Belgujo ; Walter *Klemann*, Montabaur ; malantaŭ li Else *Sassen*, Bruxelles ; Josefa *Hüttenmeister* ; Velbert ; malantaŭ ŝi Ward *Hermanns*, Belgujo ; Prof. Pierre *Muffang*, Bourg-la-Reine ; malantaŭ li D-ro Nikolaus *Ehlen*, Velbert ; Em. *De Graef*, Belgujo ; malantaŭ li Victor Leemans, Belgujo ; Jan *Vets*, Belgujo ; Karl *De Jaeck*, Belgujo ; pastro Wouter *Lutkie* Nuland ( Nederlando ).

## Koto de l'Diablo

**DE GIOVANNI PAPINI**
**(El « Storia di Kristof)**

Vi estontuloj, ankoraŭ ne naskitaj ! bone aŭskultu ĉi tiun fakton : Nenie oni legas, ke Jesuo iam tenis moneron en sia mano ! Ni aŭdas, ke liaj fingroj etendiĝis teren kaj knedis la polvon je kaĉo, kiam li kuracis la blindnaskiton ; oni ankaŭ raportas, ke liaj manoj tuŝis la malpuran karnon de lepruloj kaj mortintoj ; ankaŭ, ke li enbrakigis Judason — kaj tamen Judaso estis eĉ pli malpura ol lepruloj kaj mortintoj ! sed tiuj blankaj, puraj, feliĉaj kaj kuracantaj manoj, kiujn nenio povis makuli : nenie oni raportas, ke ili iam tenis unu el tiuj metalpecetoj, kiuj montras surpresita la bildon de iu el la posedantoj de ĉi tiu tero. Jesuo elparolis en siaj paraboloj — pli realaj ol la realeco mem — la nomojn de moneroj ; li rigardis moneron, kiun aliaj prezentis al li : sed li ne tuŝis ĝin. Lin, kiun nenio timigis, tedigis la monero. Ĝi forpuŝis lin kiel io terura, lia tuta naturo tremis pensante, ke li devas tuŝi unu el tiuj fisimboloj de la riĉeco.

Kiam oni postulas de li la imposton por la templo, li ne volas profiti la monujojn de siaj amikoj. Li ordonas al Petro, ke li elĵetu la reton : en la buŝo de la unua fiŝo, kiun vi kaptos, troviĝos la duoblo de la mono, kiun oni postulas. En ĉi tiu miraklo vidiĝas subtila moko, kiun ĝis nun neniu ekkonis. Ĝi signifas : Mi ne posedas monerojn ; sed moneroj estas tiel bagatelaj kaj mokindaj, ke tero kaj maro elĵetos ilin je unu vorto de mi — kiel kraĉo estas elĵetata. La maro estas plena je ili. Mi scias, kie estas la mono ; kaj tia amaso, ke oni sole per la malgrandaj moneroj, kiuj tie estas, povus aĉeti ĉiujn pastrojn de la templo kaj ĉiujn reĝojn de la tero — sed mi eĉ ne movas unu fingron, por levi ĝin. Unu el la miaj prenos ĉion necesan el la buŝo de fiŝo kaj donos ĝin al la impostisto, ĉar ja la pastroj bezonas ĝin por vivi. La silentaj kaj senlingvaj bestoj povas porti monon ; sed mi estas tiom riĉa, ke mi eĉ ne volas rigardi ĝin. Mi ne estas muta besto ; mi estas parolanta animo ; en la animoj ne ekzistas taleroj kaj poŝoj. Tial ne mi donas la drahmon, sed la fiŝo. Mi ne bezonas aĉeti ion al mi, kaj mi vendas nenion, mi donacas, kion mi havas ; mia posedaĵo, neelĉerpebla, estas la parolo.

Sed unutage Jesuo estis devigata almenaŭ ĵeti rigardon al monero. Ili demandis lin, ĉu Israelido rajtas doni la imposton. Kaj li respondis : Montru al mi la impostan moneron ! Kaj ili prezentis ĝin al li ; li ne volis tuŝi ĝin. Estis imperiestra, roma monero montranta la mensogan fivizaĝon de Aŭgusto. Jesuo ne volis koni ĉi tiun vizaĝon ; li demandis : Kies estas la bildo kaj la ĉirkaŭskribo? Ili respondis ; de Cezaro. Tiam li ĵetis al la hipokritaj demandintoj la frazon en la vizaĝon, kiu devis ilin plenigi je teruro : Do redonu al Cezaro tion, kio estas lia, kaj donu al Dio, kio apartenas al Dio.

La enhavo de ĉi tiuj malmultaj vortoj estas multspeca ; sufiĉas por ĉi tiu fojo rigardi la unuan vorton : Redonu tion, kio ne estas via ! La mono ne apartenas al ni ; la posedantoj de la potenco presigas ĝin por ekzerci sian potencon ; ĝi apartenas al la reĝoj kaj ilia sfero. Sed ilia regno ne estas la nia. La reĝo reprezentas la potencon kaj gardas la posedon ; sed ni ne okupas nin pri potenco kaj rezignas posedon. Nia regno ne konas tiranojn nek riĉulojn. La reĝo en la ĉielo ne presas monerojn.

(Daŭrigota)

# La katolikismo en Hindujo kaj la hinda pastraro

**En la aprila numero ni publikigis artikolon de nia ĥina amiko Albert Yong, kiu pledis por indiĝena pastraro en Ĥinujo. Simila artikolo pri la situacio en Hindujo aperis en la bonega « Revue Catholique des Idées et des Faits » eliranta en Bruxelles.** Forlasante la polemikan kaj personan parton, kies formo ŝajnas al ni iom tro akra, ni represas la sole dokumentan parton, kiu pruvas la eblecon kaj necesecon de hinda hierarkio.

RED.

Ekzistas 2.000 hindaj pastroj en Hindujo, la plej multaj submetitaj al eŭropaj pastroj kiel vikarioj ktp. Ili scias, ke ili estas tenataj sube pro la koloro de ilia haŭto, ĉar en multaj kazoj ili estas superaj al siaj eŭropaj mastroj per klereco kaj inteligenteco. En multaj diecesoj la hindaj pastroj, kiaj ajn estas ilia aĝo kaj iliaj servoj, ĉiam devas cedi al la eŭropaj pastroj ĵus alvenintaj el Eŭropo.

Venas la granda demando : Ĉu la hindoj povas regi sin mem ?

La hindoj okupas la plej altajn postenojn en la civila registaro. Lord Linha, hindo, estis guvernoro de Bihar kaj Orissa sub la nova reĝimo. La hindoj estas rektoroj de universitatoj, juĝistoj ĉe la Supera Kortego de Calcutta, Bombay kaj Madras, ŝtatministroj, prezidantoj de parlamentoj. En Madras du katolikoj estis, unu post la alia, prezidanto de la leĝdona (legislativa) konsilantaro. La urbestro de Bombay estas katoliko. Ĉu do la brita registaro estas pli liberala ol la katolika Eklezio, aŭ ĉu la katolikaj hindoj estas malsuperaj al la hinduaj ? Ĉu la misiistoj kuraĝus diri tion ?

Sed dank'al la libro de Pastro Gille, « Christianity at Home », studaĵo pri Malabar, ni eĉ povas diri, ke la hindaj diecesoj (kun indiĝenaj episkopoj) estas regataj, se ne pli bone, almenaŭ pli sukcese o tre multaj de la eŭropaj diecesoj en Hindujo.

Ekzemple ni komparu la eŭropan dieceson de Verapoly kun la tri najbaraj diecesoj, kiuj ĉiuj havas hindajn episkopojn. La loĝantaro de la kvar diecesoj apartenas al la sama Malajalia aŭ Malabara raso.

Jen la progreso de tiuj diecesoj dum 25 jaroj :

| Loĝantaro | 1897 | 1921 | | |
|---|---|---|---|---|
| Verapoly (eŭropa) | 60,844 | 99.385 | | |
| Changanachery (hinda) | 102.500 | 155.616 | | |
| Ernakulam (hinda) | 75.200 | 117.965 | | |
| Trichur (hinda) | 76.472 | 112.462 | | |
| Hindaj pastroj | 1897 | 1921 | | |
| Verapoly (eŭropa) | 36 | 37 | | |
| Changanachery (hinda) | 68 | 256 | | |
| Ernakulam (hinda) | 55 | 138 | | |
| Trichur (hinda) | 92 | 118 | | |
| | Monaĥejoj | | Monaĥoj | |
| Hindaj monaĥoj | 1896 | 1921 | 1886 | 1921 |
| Verapoly (eŭropa) | 1 | 2 | 32 | 23 |
| La tri hindaj diecesoj | 6 | 12 | 108 | 151 |
| Hindaj monaĥinoj | 1910 | | 1921 | |
| Verapoly (eŭropa) | 15 | | 21 | |
| La tri hindaj diecesoj | 315 | | 859 | |

Rigardo al la tabelo sufiĉos por konvinki la leganton, ke io malhelpas la evoluon en la eŭropa dieceso. La gvidantoj de Verapoly estas fervoraj pastroj kiuj oferas sin al sia laboro same kiel la aliaj misiistoj. Sed ilia koloro malhelpas la progreson de la Eklezio. En 25 jaroj ilia indiĝena pastraro pliiĝas je unu sola membro, dum ke en najbara hinda dieceso la hinda pastraro kreskas de 68 al 256. Ĉe la eŭropanoj de Verapoly la hindaj monaĥinoj pliiĝas je 6 membroj, en la tri najbaraj diecesoj ilia nombro kreskas de 315 ĝis 859 en la sama periodo.

Ĉi tiuj statistikoj havas sencon facile ekkoneblan, kaj ili estas tiaj en la plej multaj diecesoj de Hindujo. La eŭropanoj faras rapidan progreson dum la komenca periodo, kiam ili laboras kiel pioniroj ; poste venas tempo, kiam ĉiu progresado preskaŭ ĉesas. La pastriĝemo ŝajnas ne aperi. Ĉu mankas la graco de Dio ? Eble. Sed estas certe, ke pastriĝontoj kaj monaĥiĝontoj ofte transpaŝas la limon por servi sub hinda hierarkio. Eĉ la hindaj junulinoj, kiuj volas iri en monaĥinejon, ne ŝatas servi Dion sub eŭropanoj. Kaj kiu mallaŭdos ilin ?

Ĉi tion malmultaj misiistoj povas enigi en sian kapon. Ili ne konas la momenton, kiam ili devus retiri sin, almenaŭ el parto de siaj gigantaj diecesoj.

Ĉu tio signifas, ke la eŭropaj misiistoj devus foriri el Hindujo ? Tute ne. Oni ankoraŭ ne povus malhavi ilin kiel pionirojn, kvankam jam depost longa tempo ili devus esti anstataŭitaj kiel paroĥestroj.

Hindujo, lando preskaŭ same granda kiel Eŭropo, havas nur 34 diecesojn, diecesojn de nekredeblaj dimensioj. Ili devus esti dividataj kaj subdividataj, la katolikaj partoj estu administrataj per la hinda pastraro, kaj la virgaj partoj estu rezervataj al la eŭropanoj por la laboro, kiun la papoj kaj la intereso de la Eklezio donos al ili.

# Kio estos Ĥinujo morgaŭ?

**De pastro Vincent LEBBE**

(2-a daŭrigo)

El la faktoj rakontitaj en la komenco de ĉi tiu artikolo oni povas konkludi, ke la ĥinaj studantoj eksterlande estas potenco : ke ĉiam ĉe ilia reveno ili klopodis kaj sukcesis doni novan direkton al la politiko kaj edukado de siaj samlandanoj. El ĉiu « tajdo » venis konsiderinda nombro da gvidantoj kaj tiuj influis la aliajn en la lando kompreneble en tiu direkto, en kiu ili mem estis instruitaj per la ĉirkaŭaĵo trairita, la edukado ricevita, la ĉefa mentaleco de tiu nacio de Eŭropo aŭ Ameriko, kiun ili vizitis. Ĉar do ĝis nun ĉiuj movadoj de ideoj kaj opinioj propagandataj per la klera junularo en Ĥinujo, kiaj ajn estu alie iliaj diferencoj, renkontiĝis en opozicio pli kaj pli sistema kontraŭ la katolikismo, ni devas konkludi, ke el ĉiuj ideofortoj, kiuj influas la socion de Eŭropo aŭ de Ameriko, la katolika ideo estas la sola, kiu restis sen influo al ili.

Sendube ĉi tie krudele evidentiĝas la skandalo de la publika oficiala instruo en tiom da baptitaj nacioj. Oni serĉu senkulpigojn por ĉi tiu stato, kiujn oni volas : restas, ke la oficiala instruo de iu lando ĉiam estos juĝata reprezenti la ideojn de la granda plimulto aŭ eĉ de la tuto de ĝiaj enloĝantoj en la okuloj de eksterlandano, kiu volas serĉi en tiu lando la sintezan kaj kvazaŭ dogman esprimon de civilizo ; se tiu instruado estas ateista, li konkludos el tio, ke la lando, aŭ almenaŭ ĝia influa kaj pensanta elito, ĉesis kredi je Dio. Por malebligi tian malĝustan impreson, la protestantoj de Ameriko sciis altiri la ĥinajn studantojn en siajn konfesiajn lernejojn. Bedaŭrinde ĝis ĉi tiuj tute lastaj tempoj la katolikoj ne faris ion similan. El Ameriko la ĥinoj revenis konvinkite, ke la katolikismo tie praktike ne ekzistas, almenaŭ estas sen iu socia intelekta influo. El Eŭropo ili revenis dirante al ĉiuj, ke en la malproksimaj jarcentoj de la obskurismo la katolikismo tie ĝuis teruran influon, sed ke la Renesanco en la literaturo kaj la artoj, la furioza kolero de la franca Revolucio kaj precipe la naskiĝo de la Scienco en la 19-a jarcento, definitive forigis ĝin el la nombro de la vivantaj realecoj. La Prezidanto de la Fédération Franco-Chinoise d'Etudes, Ts'ai Yuan P'ei, pri kiu ni jam parolis, skribis antaŭ kelkaj jaroj en revuo de

# La Harmonio de la Seksoj

**DE GRAFINO GERTA WALTERSKIRCHEN, WIEN**

Parolado farita ĉe la Virina Konferenco de la IKA-Kongreso en Oxford.

Nur malmultaj homoj ne scias, ke ni depost la Granda Milito, kiun ni ĉiuj terure travivis, staras ĉe grandega *statoŝanĝiĝo*, kies vera signifo nur evidentiĝos en la venontaj 50 kaj pli jaroj.

Ventego estis kaj ventego estas... sed ankaŭ sur la spirita kampo disbloviĝas la ventegoj !...

Kaj kial la spirito de Dio, kiu estas eterna fluado, ne *ankaŭ amu* la ventegotempojn ?

*Unu* ideon mi volas hodiaŭ montri al vi.

Kiel ni *realigas* la grandan ideon : *Pax Christi in Regno Christi ?? — Enigante harmonion en ĉiujn malharmoniojn de la hodiaŭa tempo.*

Malharmonio hodiaŭ regas en kaj ekster la *nacioj*, en kaj ekster la *ŝtatoj*, la *familioj*, la *organizaĵoj*, la *klasoj* kaj la *seksoj*.

La spirito de Dio, kiu estas *harmonio en si*, ŝajnas stari ekstere de ĉiuj ĉi ecoj.

Mi *ne* intencas hodiaŭ paroli pri nacioj kaj ŝtatoj, familioj, organizaĵoj aŭ klasoj sed mi volas paroli pri la *unua*. la *primitiva* principo : la *seksoj*.

Kiam la juna homo maturiĝas, kiam li konscie sentas sian Mi, kiam li komencas alvoki sian Vi — tiam li offre je plej granda surprizo ekkonas — kaj ĉi tio estas ekkono, kiu venas nur *post* multaj aliaj en lian konscion — ke la homaro konsistas el du partoj, du duonoj preskaŭ egale grandaj kaj preskaŭ ĉiam restantaj *egalaj* en ilia proporcio.

La filozofio diras al li, ke Dio, por realigi sian kreaĵon, bezonis du principojn : en la mondo de la materio la forton, kiun ni nomas elektro — kun pozitiva kaj negativa polusoj — en la korpa-spirita mondo la viran kaj virinan principojn.

El la unuiĝo de ĉi tiuj reciprokaj principoj elkreskas ĉiu vivo en la kreaĵo de Dio.

Sed la *tuta* kreaĵo de Dio estas senĉesa *fluado* de la spirito de Dio — kiel diras sankta Aŭgustino : Dio *en* ni kaj Dio *super* ni. — El la unuiĝo kreskas la *vivo* kaj ĉiu vivo celas al unuiĝo— la ritmo trafluanta la tutan kreaĵon devas evidentiĝi kiel harmonio, en la vivo de la opa homo kiel en la kunvivado de la seksoj. — Hodiaŭ ĉi tiu harmonio *mankas*.

Ni demandu : kiaj estas la malhelpoj ? Kiel ni forigas ilin ? Kio estas la *celo* de la harmonia antaŭenpaŝado ?

La mondo hodiaŭ dronis en idolanismo, aŭ — pli bone — en la batalejo de la spirito idolanismo kaj kristanismo *armite* kaj *defendante* staras unu kontraŭ la alia.

Ju pli hodiaŭ la nacioj formetas la militobatalilojn, des pli ili prenu la batalilojn de la spirito — sur *tiu* kampo atendas belegaj *venkoj*.

Edzeco kaj familio hodiaŭ estas ege minacataj ; solidiĝon ni povas atendi nur per *radikala reveno* en la edukado — ni devas komenci tute denove.

Harmonio en la *familio* estas unua kondiĉo por *novaj homoj*.

Familio *ne devas* malaperi, kiel ni hodiaŭ aŭdas de ĉiuj flankoj — ĉar familio estas prafakto, kaj estas la plej propra afero de ĉiu kulturhomo, flegi familiokulturon !

Ĉiuj sociaj mankoj nur estas kuracataj el la reviviga fonto de la familio.

El *tiu* familio, en kiu la amordono de Kristo valoras kiel *unua* ! Tiu amo, kiu hodiaŭ devas savi la mondon, kreskas kaj prosperas kaj ekfloras nur el la sankta fundo de la familio !

Sed la problemoj de la familio estas *grandaj kaj gravaj !*

La tuta *vivado* estas *laborado*, sed *laborado* estas

Pekinaj studantoj : (mi citas laŭ memoro) « La ne informita vojaĝanto povus miri pri la nombro da preĝejoj, kiuj ekzistas en Francujo : Ili ja nur estas postsignoj de pasinteco depost longa tempo entombigita, monumentoj de antikva arto, kiujn la zorgo de la estetiko savas kontraŭ la pioĉo de la detruanto. Same ni konservas en Ĥinujo la vestojn arte broditajn, la ĉapelojn ornamitajn per koralobutonoj kaj per pavoplumoj de la mandarinoj el la antikva reĝimo ; kiu do iam pensus denove vesti sin per ili ? »

La katolikoj de Francujo aŭ de Ameriko eksaltos pro miro kaj indigno, aŭdante tiajn juĝojn. Ili miregos ekkoni, ke la viveco de la Katolika Eklezio en iliaj landoj povis esti tiamaniere malkonata de junuloj, kiuj tie studis ses aŭ sep jarojn. Kaj tamen la tre granda plimulto el ili estas sinceraj. Kaj tial ekzistas io pli bona kaj pli urĝa ol miri kaj indigniĝi. Dank'al Dio oni fine tion ekkonis, kaj ĉi tiu bezono estas en bona vojo.

En januaro 1920, post Vizitado al la Ĥinaj Misioj, por kiu la Sankta Seĝo sendis lin, Mgr. de Guébriant, apostola vikario de Kanton, kaj poste Superulo de la Societo por Eksterlandaj Misioj, estas kondukita al la konkludo, ke la idea movado de la ĥinaj kleraj sferoj jam estis malhelpo al la evangeliigo kaj minacis kompromiti la belan estontecon antaŭviditan por la Eklezio en tiuj regionoj. Li klopodis klarigi la opinion de la eŭropaj kaj precipe de la francaj katolikoj pri la danĝero estiĝanta pro la manko de intereso pri la ĥinaj studantoj en eksterlando kaj ĉar oni lasis niajn malamikojn fari ilian edukadon kontraŭ ni. Tie estas kvazaŭ la okcidenta batalejo en la granda milito de la gajnado de Ĥinujo por Kristo, kaj kiel antaŭ nelonga tempo diris eminenta jesuito, en tiu batalejo decidiĝos la venko !

La malmulta atento, kiun ĝis ĉi tiuj lastaj jaroj la katolikoj dediĉis al problemo de tia graveco, nepre estas miriga. Dum kiam ili per siaj almozoj noblanime klopodas fondi en Ĥinujo preĝejojn kaj lernejojn, kiel ili povas pacience suferi, ke iliaj malamikoj fabrikas antaŭ iliaj okuloj la dinamiton destinitan detrui post kelkaj jaroj tiujn lernejojn kaj preĝejojn ? — Kaj kion diri pri tiom da pastroj kaj bonaj kristanoj, kies animo brulas pro fervoro konverti la idolanojn, kiujn nur cirkonstancoj sendependaj de ilia volo malproksimigis de la apostolado « ad gentes », — kaj kiuj ne pensas konverti tiujn, kiujn la bona Dio, respondante al iliaj intimaj deziroj, nun sendas tute ĉe ilin ! Tiuj bedaŭrindaj idolanoj, kiujn eble iam viaj revoj serĉis en malproksimaj marbordoj, nun ili venas mem serĉi vin ! Ĉu tie ne estiĝas grava konscienca tasko por ni kristanoj, kaj ĉu tio ne estas solena momento en la mondhistorio ?

Ĉiuj idolanaj nacioj, ĉar idolanaj, estas en kelkaj jarcentoj superitaj per la baptitaj nacioj : fine ili ekkonis tion ;— kaj nun ili sendas la plej kapablajn el siaj infanoj al siaj venkintoj de hieraŭ. Ilia celo estas trovi per ĉiuj iloj la sekreton de la grandeco de la okcidentaj popoloj, la formulon, kiu donis al la blanka raso tian superecon en la mondo... Sed la katolikoj scias, ke sole ili posedas tiun sekreton : ke en tiu mezuro, kiel la katolika vereco ne akompanos la aliajn konojn, kiujn povas liveri niaj lernejoj, tiu scienco transformiĝos en venenon kaj pligrandigos la malbonojn, per kiuj suferas la idolanaj popoloj.

La katolikoj ankaŭ scias, ke tiuj studantoj, ĉu bone aŭ malbone informitaj, morgaŭ estos la gvidantoj de la publika opinio, de la instruado, ofte eĉ de la registaro de siaj landoj.... — Kaj la katolikoj silentas ! Ili lasas agi « la aliajn » — tiujn, kies principoj aŭ manko de principoj jam kompromitis la sanecon kaj bonfarton de la popoloj hieraŭ ankoraŭ kristanaj ! Inter la forgesopekoj, kiujn societo povas fari, certe ekzistas malmultaj, kiuj estas pli gravaj kaj kun pli teruraj sekvoj ol tiu.

Dio mem ŝajnas providence esti doninta kaj konfidinta al ni tiun mision : katolikigi la idolanan eliton, kiu venis por serĉi la lumojn de Eŭropo. — La jarcentoj forpasis, sen ke la kristana okcidento povis havigi al si, laŭ materiaj rimedoj kaj homoj, sufiĉajn fortojn por la misiado de la giganta Ĥinujo, kaj cirkonstancoj parte sendependaj de la bona volo de la misiistoj ne permesis al ili influi la gvidantan klason pli kaj pli malproksimiĝantan de ni. Kaj dum ke la konvertado de la malriĉuloj tie progresas kun sukceso grandiĝanta, la Providenco konkudas iliajn estontajn ĉefojn inter ni en ĉirkaŭaĵon, kie, se ni volas, ili povas vidi kaj aŭdi aĵojn, kiuj konvertos ilin estimi la religion, kiun ili malestimas. Per aliaj vortoj, per la takto, ke ili troviĝas en Eŭropo, la baroj, preskaŭ nevenkeblaj en Ĥinujo, por ilia konvertado malaperis. (Finota)

## La germanaj kaj la polaj katolikoj

En la katolika germana gazetaro, preterlasante kelkajn favorajn notitaĵojn el « Kölnische Volkszeitung », konstante aperas nefavoraj aŭ direkte malamikaj artikoloj sub la adreso de la pola respubliko. Fine en la lastaj semajnoj okazis kelkaj ŝanĝoj favore al Polio ; tiuj ŝanĝoj estas en la humoroj de la katolikaj rondoj politikaj en Germanio. La varsovia korespondanto de « Germania » turnis sin al la reprezentantoj de la pola katolika gazetaro kun la propono komenci pacan agadon en celo de reciproka interkompreniĝo kaj kunlaborado de la germanaj katolikoj kun la polaj katolikaj organizaĵoj. Baldaŭ poste enpresis « Germania » en la ĉefa loko la artikolon, kiun oni povas trakti kiel oficialan esprimon de tiu organo kaj kiel provon meti la ponton inter la katolikaj tendaroj de Germanio kaj Polio. La ĉefaj vortoj estas : « *Ni en la germana Centro estas liberaj de ĉiuj kontraŭpolaj antaŭjuĝoj. Ni ankoraŭ memoras la longjaran fratecon batalilaran kun la polaj parohoj el Poznan (Posen), Supera Silezio kaj Okcidenta Prusio... Ni rigardas Polion kiel la simpatian membron de la okcidenta kultura komuneco, kun kiu ni povas interkompreniĝi sur la bazo de plena egalrajtigo... Kiel por la paco kaj kresko de la Okcidento, necesa estas interkompreniĝo de Germanio kun Francio, tiel same necesa estas preciza kaj forta interkompreniĝo de Germanio kun la orienta najbaro. Ne la dismeto, sed la fortiĝo de Polio estas en la intereso de Germanio....* ». Kun granda aplaŭdo oni devas bonvenigi tiun saĝan voĉon de la ĉeforgano de la germana Centro.

La interkompreniĝo de la germana Imperio kaj Polio estas postulato ne nur de la pola kaj germana, sed ankaŭ de la eŭropa politiko. Ĝi devas realiĝi ĉu pli frue, ĉu pli malfrue.

Unuavice por la faciligo kaj akcelo de tiu interkompreniĝo estas taŭgaj la politikaj organizaĵoj katolikaj de la ambaŭ ŝtatoj. Agiĝas nur, ke el unu kaj dua flanko tiu demando estu traktata serioze, sincere, alivorte necesa estas la bona volo kaj apogiĝo je la principoj de la kristana justeco.

La pola ĉiutaga gazeto « Polak-Katolik » diskutis per la supraj vortoj la demandon, kaj ni volonte represas tiun polan opinion.

J. M.

---

*vivado*, se tiu laborado kunvibras en la Dia ritmo de la kreaĵo — se la diversaj metodoj de la laborado harmonie kunsonadas.

*Hodiaŭ* preskaŭ sur neniu kampo de la laboro — mi komprenas ĝin nun en plej vasta senco — la laboro de la viro kaj la laboro de la virino estas agorditaj je harmonio ; ĉie ni aŭdas la plej kontrastajn dissonadojn — en la familio — en la profesio — en la publika vivo.

Sed harmonio estiĝas ĉie kaj ĉefe per la saĝa kaj ĝusta *alkompletigo*. Granda politikisto en mia patrolando ĉiam denove parolas pri la necesa *konfido* inter la *nacioj* — mi opinias, ke ni same necese bezonas *konfidon inter la seksoj*.

Hodiaŭ ĉefe la kristana *virino* devas pruvi la agadon de la spirito de Dio en la homo — kiu per ŝia *estado* brile evidentigu la belecon, la verecon, la bonecon de Dio.

La Regno de Dio venas tute per si mem, se la Regno de Dio estas en ni mem.

Ĉu ni ne devas diri, ke la amordono de Kristo enhavas la venadon de la Regno de Dio ?

La *virino kreas* la estontecon ; ne nur la virino naskas el si la ĉiam rejunigantan, novforman vivon, ŝi sola ankaŭ povas direktante influi la vivon.

La 20-a jarcento devos atribui al la edukado de la virino multe pli multe da graveco, ol la pasintaj tri jarcentoj. La plej novaj sciencaj esploroj pruvis, ke al la virina sekso apartenas multe pli da celado al religio ol al la vira.

Jesuo Kristo, nia Sinjoro kaj Savinto, la dua persono en Dio, humile kuniĝis en virgulino kun homa naturo, — Kiel do ne la *virino*, en la granda vojaĝo de la homa gento al Dio, ludu la *plej grandan* rolon ?

Sed la virino devas esti vekata el ŝia nekonscieco, ŝi devas scii kaj kompreni, ke Dio vokas ŝin, ke ŝi devas porti al la profunde falinta kristana kulturo renovigon el la profundaĵoj de la Dieco. Kio *estas* hodiaŭ la demando de ĉiuj demandoj ? Kiel venas la homaro al Dio, kiel venas la individuo al Dio ??

La respondo al *ĉi tiu* demando ne estas *mia* tasko — mi nur volas aludi kelkajn *malmultajn* punktojn : Ĉe la novkonstruo de nia kulturo ni devas plej zorge atenti

1) je la evoluo kaj edukado de fortaj korpajspiritaj personecoj ĉe *ambaŭ* seksoj, tute precipe ĉe la virina — filozofia klerigo estas tre grava,

2) je prudenta, sed vera *seksa klarigo* (ĉefe per la gepatroj),

3) je *restarigo* kaj *plej altenstarigo* de la edzeca idealo, laŭ ĉiuj novaj fiziologiaj kaj psikologiaj ekkonoj.

4) je egaligo de la seksa vivo-idealo kun la idealo de la edzeco (multaj gravaj problemoj venantaj el la tronombriĝo de la eŭropa loĝantaro tiel trovus naturan solvon ),

5) je novvalorigo de veraj animamikecoj inter viro kaj virino bazitaj sur spirita kompletigo kaj influado.

Se ni tiel klopodas harmoniigi la evoluadon de la seksoj, *tute-trafluigante* la familion, kiel ĝermoĉelon, per amo al Dio kaj homoj, *ekkonante* la Sanktan Spiriton kiel vivodonanton, tiam ni certe povos iom helpi por realigi tiun staton, al kiu *sopiradas* nia granda Sankta Patro Pio, elparolinte ĝin per la devizo :

*Pax Christi in Regno Christi !*

**Ĉu vi estas kontenta pri la enhavo de nia gazeto ? Se ne, kial vi ne skribas pri viaj deziroj al la redaktoro ? Kritiko estas bona kaj laŭdinda, sed ĝi nur provas efiki, se ĝi venas ĝis la redakcio !**

# LA PACA MOVADO

*La Nederlanda Romkatolika Ligo por la Paco.* Jus fondiĝis en Nederlando ĉi tiu ligo, en kies komitato troviĝas la plej eminentaj katolikaj gvidantoj de la lando, ekz. Jonkheer Ruys de Beerenbrouck, prezidanto de la Dua Ĉambro (parlamento) kaj estinta ĉefministro, katolikaj deputitoj de la Unua kaj Dua Ĉambroj, la rektoro de la Universitato Nymegen, la prezidanto de la « Katolieke Sociale Actie », la prezidantino de la Katolika Virina Ligo, la redaktoroj de « Ons Noorden » kaj de la « Maasbode ». Prezidanto estas Prof. mag. G. de Langen-Wendels O. P., profesoro ĉe la katolika Universitato de Nymegen. La ligo jam ricevis (laŭ raporto en « Maasbode », 6 februaro 1926) la episkopan aprobon. El la programo ni citas: « Laŭ sia kredo la katoliko devas esti pacema, ne nur amanta la pacon, sed ankaŭ faranta la pacon, en tio kondukita per la Vikario de Kristo, la papo. » « La katolikoj devas kunlabori nacie kaj internacie por sociala paco kaj paco inter la nacioj, laŭ la mezuro de sia scio, de siaj talentoj kaj de sia sociala situacio, ankaŭ, se estas eble, federative unuiĝante kun nekatolikoj. Sed tute speciale, ĉie, kien penetras ilia influo, ili devas vivi la veran pacospiriton. » La ligo havas duoblan taskon: studi la problemojn de la internacia vivo, kaj propagandi vere pacan politikon. Kiel ĝi diras en sia alvoko en « Maasbode », ĝi volas kunlabori en la « movado al pli bona mondordo, en kiu estus neebla nova 1914». Ni deziras al la nova ligo plenan sukceson!

*La « Cité Universitaire » en Paris.* Oni jam scias el la ĵurnaloj, ke oni nun en Paris konstruas tiel nomatan «Internacian Universitatan Urbon», t. e. aron da domoj por kelkaj miloj da studantoj el ĉiuj nacioj, kiuj tie por modera prezo povos loĝi kune. Sendube tio estos bonega ilo por akceli inter tiuj studantoj la spiriton de internacia paco kaj pozitiva kunagado. Kiel ni nun legas en la marta numero de la « Bulletin Catholique International » juna pastro, abbé Picard de la Vacquerie, en kies distrikto troviĝas tiu « Urbo », intencas fondi ĉe la « Cité » internacian katolikan studantohejmon (Foyer International des Etudiants Catholiques) kun kapelo kaj kunvenosalonoj. Li jam formis honoran komitaton kaj direktantan komitaton. Parto de la necesa monsumo estas promesita. Jam ekzistas internacia rondo de katolikaj studantoj kun provizora sidejo, en kiu okazas regulaj kunvenoj.

*Bodensee-Konferenco de Katolikaj Politikistoj* ankaŭ en ĉi tiu jaro je pentekosto okazos denove en Konstanz. Tiuj konferencoj iniciatitaj per D-ro Baur (ankaŭ konata kiel loka organizinto de nia tria IKA-Kongreso) estas tre gravaj por la diskuto de ĉiuj problemoj koncernantaj la nacian kaj internacian politikon de la katolikoj. En ĉi tiu jaro la ĉefa temo estas: la krizo de la parlamentarismo. Parto prenos gvidantaj katolikaj politikistoj el Germanujo, Svisujo, Ĉeĥoslovakujo, Aŭstrujo, Nederlando. Inter la raportistoj estos la aŭstra ekskanceliero D-ro Seipel kaj la germanaj ekskancelieroj D-ro Wirth kaj D-ro Marx.

*La Internacian Eŭkaristian Dimanĉon* ni denove rekomendas al ĉiuj pacamikoj. Je la unua dimanĉo de ĉiu monato la germanaj kaj francaj aliĝintoj oferas sian sanktan komunion por la germana-franca repaciĝo, kaj ankaŭ amikoj el aliaj landoj komuniiĝas kaj preĝas, por ke tiu ĉefa kondiĉo de eŭropa paco efektiviĝu. Tiu eŭkaristia krucmilito estas rekomendita de la Internacia Eŭkaristia Kongreso en Amsterdam. Aliĝojn el ĉiuj landoj akcepti ĝojos nia samideano Charles Gravey, 30 rue des Créneaux, Triel-sur-Seine (Seine-et-Oise).

« *Neniam plu Milito!* » estas la surskribo de monumento por la mortintoj de la Granda Milito, kiun starigis la urbestraro de Wien.

*For la batalilojn!* La *brita* militministro anoncis, ke li malpliigos la armebudĝeton je 2 milionoj da pundoj. — En *Belgujo* oni malpliigas la militservotempon al 10 monatoj kaj malpliigas la armeon je unu divisiono. — En *Japanujo* ekzistas forta movado por mallongigi la militservon kaj fiksi ĝian komencon al 18 anstataŭ 20 jaroj, por ke la junuloj ne estu tiom malhelpataj en sia profesio. — En *Danujo* la Folkething (parlamento) akceptis la senarmiligoprojekton. Armeo kaj militŝiparo estas forigataj resp. transformataj en limopolicon kaj ŝtatan ŝiparon, kiuj estos submetatajal la ŝtatministerio. La ministerioj por armeokaj ŝiparo estas forigataj, fortikaĵoj detruataj, la ĝenerala militservodevo ne plu ekzistas. La nova limpolico konsistas el 13.000 viroj, la ŝtata ŝiparo el 6 grandaj kaj 24 malgrandaj polico-ŝipoj kaj 12 aeroplanoj. La defendobudĝeto estos malpliigata de 60 milionoj al 17 milionoj! Brave! Kiu sekvos?

*Asocio de antimilitaristaj pastoroj en Svisujo* komencis sian agadon, dissendante cirkuleron al ĉiuj protestantaj pastoroj. Ĝi diras, ke « antimilitarismo ne estas sentimentala malsimpatio kontraŭ la milito, sed konscia laboro, por eviti ĝin, kreante la necesan spiritan konstruktivan atmosferon kontraŭ la paralizanta influo de la militarismo ».

*En Kanado* la parlamentano Arthur Meighen, gvidanto de la konservativa (!) opozicio, dufoje diris, ke Kanado neniam plu iros en militon antaŭ kiam la popolo mem estos decidinta tion. Jen parto el lia parolado: «Ni en la Konservativa Partio ne pensas nek scias pri nova milito. Sed ni en la Konservativa Partio kredas, ke, se nova krizo estiĝus kaj ankaŭ minacus nin, — kion ni ne esperas — nia lando ne devas sendi trupojn el Kanado, sen ke la popolo estos demandata ». — Jes, demandu la popolojn!

## Mallongaj scîindaĵoj katolikaj

**Richard B. Washington**, la lasta ido el la familio de la fondinto de la Unuiĝitaj Ŝtatoj de Ameriko, estas katolika pastro en Hot Springs. Li estas la sola kaj lasta ido de tiu fama familio, kiu poste fariĝis katolika.

**En Meksiko** la registaro ordonis aresti ĉiujn pastrojn, kiuj ne naskiĝis en la lando. Kelkajn hispanajn kaj irlandajn pastrojn oni forkondukis al Veracruz.

**En Italujo** laŭ informo de « Nazione » oni intencas fondi duan katolikan universitaton similan al tiu de Milano. Ĝia sidejo estus Firenze.

**La katolika universitato de Milano** organizas en ĉi tiu somero nacian kongreson por klarigi kaj popularigi laŭ la encikliko « Quas Primas » la instruon pri la Reĝeco de Kristo.

**Detruitaj preĝejoj**: La terura milito detruis en Italujo 650, en Francujo 2500 preĝejojn, inter ili la belegajn katedralojn de Reims, Arras, Soissons, Noyon, Senlis. En Italujo 167 preĝejoj estas novkonstruitaj, 237 restarigitaj. En Francujo la nombro de la rekonstruitaj preĝejoj estas ĉirkaŭ 1000.

**En Japanujo** la imperia registaro intencis fondi ambasadorejon ĉe la Vatikano. Pro la rezisto de la idolanaj bonzoj ĝi nun prokrastis tiun projekton, sed plu simpatias ĝin. En Japanujo nun ekzistas 40 indiĝenaj pastroj. Grandan influon havas la jesuita akademio en Tokio.

Presejo: Imp. F. Collins, Charleroi, Belgio. — 30049



## Korespondado

Por ebligi kaj faciligi al niaj multnombraj legantoj en ĉiu kulturlando la reciprokan korespondadon, ni decidis publikigi depost nun regule en la K. M. rubrikon « korespondado ». La legantoj de la K. M. havos per tio okazon, sciigi sian adreson kaj siajn specialajn dezirojn por unufoja pago de 0.75 sv. fr.. Ni ĝojus, se niaj amikoj uzus ofte kaj multnombre tiun ĉi eblecon. La kotizoj estas plej facile pagotaj en ordinara letero al la administracio kun la dezirita noticio.

## Anoncetoj

Kil germana 13 jara **lernulo** travas dum la libertempo malmultekostan kaj bonan restadon? Italujo aŭ Francujo preferata. Ofertoj al la administracio de K. M.

## Abonprezoj por la jaro 1926

| LANDO | ABONO duonjare | ABONO jare | Ab. kaj kotizo duonjare | Ab. kaj kotizo jare | Kotizo sen K.-M. |
|---|---|---|---|---|---|
| Anglio, Australio, Irlando | 1/6 s | 3 s | 2 s | 4 s | 1 s |
| Argentino | 1.5 po | 3 po | 2 po | 4 po | 1 po |
| Austrio | 2,4 s | 4,8 s | 3 s | 6 s | 1.5 s |
| Belgio, Luksemburgo, Francio | 8 frs | 15 fr | 12 fr | 20 fr | 5 fr |
| Brazilio | 1.5 mr | 3 mr | 2 mr | 4 mr | 1 mr |
| Ĉeĥoslovakio | 12 kr | 20 kr | 15 kr | 30 kr | 8 kr |
| Danio | 1,5 kr | 3 kr | 2 kr | 4 kr | 1 kr |
| Germanio | 1,5 mk | 3 mk | 2 mk | 4 mk | 1 mk |
| Hispanio | 2 p | 4 p | 2.5 p | 5 p | 2 p |
| Hungario | 2.4 k | 4.8 k | 3 k | 6 k | 1.5 k |
| Italio | 8 l | 15 l | 12 l | 20 l | 5 l |
| Jugoslavio | 18 d | 35 d | 25 d | 50 d | 15 d |
| Litovio | 3 l | 6 l | 4 l | 8 l | 2 l |
| Nederlando | 0,75 fl | 1.5 fl | 1 fl | 2 fl | 0.5 fl |
| Polio | 2 z | 4 z | 2,5 z | 5 z | 1.5 zl |
| Rumanio | 40 l | 80 l | 50 l | 100 l | 20 l |
| Svisio | 1,8 fr | 3,6 fr | 2.4 fr | 4.8 fr | 1,20 fr |
| Usono | 0,40 d | 0,75 d | 0,50 d | 1 d | 0.25 d |

**Rimarko**: Nia ekspedicio havas enpagilojn por ciuj landoj. Monsendojn oni adresu al la nacia abonejo au senpere al unu el la supre nomitaj adresoj.